57 Num. ★ Madrido - Aprilo-Majo - 1922 ★ VI Jaro.

# HISPANA ESPERANTISTO

ILUSTRATA REVUO MONATA
Oficiala Organo de "Zamenhofa, Andaluzia kaj Aragona Federacioj„



KATEDRALO DE MANRESA

Kie okazos la proksima Kongreso de Kataluna Esp. Federacio

# ANTAŬEN VIGLE KAJ NELACIGEBLE

La terura fratmortiga hombuĉado pasinta renaskis du kontraŭajn sentojn: internacian fratan senton, ĉe la koro de la plimultoj el la popoloj; frenezan naciismon ŝovinistan, ĉe la koro de la malplimultoj regantaj naciojn. La sento de la plimultoj, prava homama instinkto de la popoloj, tre influas la internacian politikon kaj ĉi tiun gvidas al starigo de firma paco; la abomeninda ŝovinismo sin defendas kontraŭstarante tiun, sed ĝi perforte estas devigata akcepti la internaciajn konferencojn, kiujn la kruela tragedio barbara per tiu homama sento naskadas. Konferenco de Washington; jen nun Konferenco de Genova, al kiu alkuris politikuloj de multnombraj ŝtatoj, sed en kiu staras fiere la «obstinaj baroj» kaj certe post tiu ĉi Konferenco venos alia aŭ aliaj, dum la armiloj estas pretaj por nova krimo tutmonda je la nomo de la internaciaj Kainoj, por kiuj patrujo estas nur vere *krevanta poŝo*.

Sen senarmigo, sen klaraj interkonsentoj, sen garantioj por la estonteco, sen apogo de plej potencaj popoloj ĉu estos efika Societo de Nacioj? Ĝi estos nur plia iluzio, kaj tiaj necese estos pensi pri aliaj proceduj por firmigi la tutmondan pacon; ĉu estos procedo la superrego de nacio sur la ceteraj?, ĉu la unuiĝo de la tutmonda proletariaro rifuzonta batali je la nomo de patrujoj kaj flagoj? La unuan celis, tiel ĝi esprimis, la germana imperialismo; la duan ŝajnas celi soveta Rusujo, sed ĉi tiu procedo estas tro malproksima kaj dume la patrinoj tremas pro siaj filoj, naskitaj dolorege, vartitaj de amo kaj penado, ĉar milito minacas reveni. Jes ĝi revenus sen flagoj, sen tamburoj, sen trumpetoj, sen pafiloj, sen kanonoj, kiujn anstataŭus la gasoj sufokantaj, la fajroĵetiloj, la bomboj plenaj je pulvoroj brulvundantaj mortige, aŭ je mikroboj, kiuj naskus ĉiajn pestojn, bomboj ĵetotaj de la aeroplanoj, la maŝinoj ĵetantaj mortigantajn fulmadojn, kiuj eĉ per neimagebla potenco fandus armilarojn, la aertorpedoj kaj tiuj de la submaraj ŝipoj. Ĝi disvastigus la teruron kaj la morton sur la tuta mondo; ĝi kondamnus al ekstermado ne nur la militistojn eĉ la virinojn, la infanojn, la maljunulojn kaj la malsanulojn; ĝi dum horoj nur, plene detruus urbojn, kaj farus landojn plej riĉajn dezertoj en kiuj estus neebla la vivo. La venkinto ekkrius triumfe starante sur ruboj kaj cindroj kaj li ricevus, kiel premion, malsaton kaj peston, kaj la homo sin montrus terura kaj sovaĝa besto renversinte jarcentaran dresadon, preta returneniri de la suproj de civilizado en la nigrajn profundaĵojn de la grotoj. Kompreneble, tiom da teruro, tiel granda krimo, post la ebrio de la triumfo, rekonsciigus la venkintojn, kiuj, konsternite eĉ pentite, estus devigataj pensi, pro memkonservado, krei novajn instituciojn, kies bazo estu komuna intereso kaj ne konveno de iuj. Tio estus okazonta se *io*

*granda* ne estus sukcesiginta veran tutmondan fratamon.

La demokratio ja estas povinta eviti tiom da malfeliĉo al la homaro malaperiginte la landlimojn, kreinte komunajn interesojn, nuliginte privilegiojn, egaliginte la interesojn de la loĝantoj de la montaroj kaj de la platâoj, doninte preferon al universala komerco anstataŭ al la privata militismo, serĉinte en la religio la esencon, kiu estas komuna al ĉiaj kredoj; en la scienco, la teknikan aplikon por la abstraktaj principoj; en la industrio, la disvolvadon de ĉio utila anstataŭ de superfluaĵoj; en la politiko, la bonon ĉies kaj la veran fratamon kaj ne la egoismojn de tiuj, kiuj sin alnomas superaj klasoj.

La *io granda* modeste antaŭeniras: num samtempe, kiam la plej rangaj politikuloj de ĉiuj nacioj diskutas, disputas kaj eĉ baraktas vane pro la tradiciaj baroj, kiuj ilin apartigas, en Genovo, dezirante trovi solvon por starigi firme la tutmondan pacon, en Ĝenevo okazas alia Konferenco, kiun ĉeestas modestuloj de diversaj nacioj, kiuj tute frate, trankvile, konscie, ĉar ili jam «disbatis la obstinajn barojn», diskutas la *ion* alportontan al la homoj la rimedon por ke ili povu aŭskulti unu la alian, kompreni unu la alian, interkonsenti kaj fratiĝi, la *io* estas nia kara lingvo Esperanto.

De post kvin jaroj de la entombigo de nia Majstro, je ĉi tiu monato, dum kiu la naturo ekfloriĝas, ni esperu pli de la Ĝeneva Konferenco, ol de tiu de Genovo, por la bono de la Homaro, sed ni ne forgesu, ke la bono venos per netuŝeblo de la lingvo, per konservado de la kreitaĵo de la Majstro tiel, kiel li lasis ĝin al ni; ni esperu, ke la Ĝeneva Konferenco estu la transiro de la vintro de Esperanto al la printempo de la lingvo; kaj ni vigle, nelacigele daŭrigu nian laboron por atingi per Esperanto tion, kion devis atingi la demokratio.

*Je Aprilo*

---

# LA SEMAJNO

Kiel estas multaj lingvoj, tiel estas multaj kalendaroj; araboj kalkulas la tempon per lunaj jaroj; kristanoj, per sunaj. Ĉe kristanoj, iuj kalkulas laŭ malnova stilo (julia kalendaro), aliaj laŭ nova stilo (gregoria kalendaro). Hindoj, hebreoj, k. t. p. ankaŭ havas apartan kalendaron.

Tamen, en la tuta mondo ekzistas la *semajno*. Por ĉiuj, semajno havas *sep* tagojn. Por ĉiuj, la unua tago de la semajno estas *dimanĉo*. Por ĉiuj estas dimanĉo *samtempe*.

Angle, holande, germane, dane, svede kaj finne oni nomas la tagojn de la semajno *sun'tago, lun'tago, mars'tago, merkur'tago, jupiter'tago, venus'tago* kaj *saturn'tago*. La nomoj de tiuj tagoj en la latinaj lingvoj ankaŭ rilatas la nomojn de tiuj astroj.

Portugale oni nomas la tagojn de l' lundo al vendredo *dua tago, tria tago* kaj cetere, ĝis *sesa tago*. Arabe lundo estas *tnein* (du); mardo, *tlata* (tri) kaj merkredo *arba* (kvar). Hebree ankaŭ oni nomas la tagojn per numeroj; la *unua* estas dimanĉo, la *sepa* sabato.

Germane kaj finne oni nomas merkredon *mez' semajno*, kaj por tio estas necese ke la semajno komenciĝu je la dimanĉo. Arabe

oni nomas dimanĉon *had*, kaj sanskrite *ad* signifas *unua* (tial la nomo *Ad-am*).



Laplace miregis kiam sciis ke en Hindujo, same kiel en Eŭropo, la tagoj de la semajno rilatas al suno, al luno kaj al kvin planedoj laŭ la sama ordo.

Nu, kia ordo estas tia?

Skribu ni la planedojn laŭ ilia ordo de proksimeco al suno, tiel:

*Merkuro, Venuso, Tero, Marso, Jupitero, Saturno*. Anstataŭ *Tero* skribu ni *Sunon*, kaj antaŭmetu ni *Lunon*, tiel:

*Luno, Merkuro, Venuso, Suno, Marso, Jupitero, Saturno.*

Nun, ni komencu per *Suno* (ĉar *sun'tago* estas la unua tago), kalkulu ni kvin, kaj la kvina estos *Luno;* kalkulu ni kvin denove, kaj la kvina estos *Marso*, k. t. p. Notu ke post *Saturno* la kvina astro estos *Suno.* Latinoj nomis al suntago *dimanĉon*, kiu etimologie signifas *sinjor'tago.*



La vortoj *sabato* kaj *sep* komencas per la titero *s* (aŭ *z*) en multaj lingvoj. Kaj tiuj nomoj enhavas la literon *t* (aŭ *d*). Kiaj literoj estas la *s* kaj la *t*? Eble iam mi povos publikigi iajn notojn pri ili.



La hazardo ne ekzistas. Ĉio havas sian *kial*'on, kvankam ni multfoje nescias ĝin.

Ĉu tiuj koincidoj estas rezultato de ia antikvega konveno, kiam la homoj nur havis «unu lingvon ĉe la lipoj kaj unu kredon ĉe la koro»? Jen studinda afero.

*Fernando Redondo*

---

# PROFITINDA OKAZO

La Konsilantaro de la Ligo de Nacioj decidis nomi Komisionon Internacian por studi la problemojn pri kunlaborado intelekta, kaj ĝi proponis al la kunveno okazinta je la 9ª de majo liston de membroj por la aprobo.

La kunveno decidis, ke la komisiono konsistu el dekdu gemembroj. La komisiono estos libera por plani studprogramon, sed tamen oni povas certigi ke ĝi atentos, ke ĝi celos tri ĉefajn punktojn :1.ª Ebleco disvolvi kaj perfektigi la organizon internacian pri sciencaj esploroj. 2.ª Studo pri la internaciaj rilatoj inter la Universitatoj, kaj peroj por faciligi interŝanĝo de profesoroj kaj lernantoj. 3.ª Internacia organizado pri internacia bibliografio scienca kaj interŝanĝo de sciencaj verkoj kun la landoj kies valuto estas malfavora kaj kun la landoj kiuj estas malproksimaj je la grandaj kulturaj centroj.

Definitive formos la Komisionon: Sinjoroj Banerjee (prof. pri Politika Ekonomio en la Universitato de Kalkuta), Bergson (prof. pri Filozofio en la Franca Kolegio de Paris); S inoj Benneville (profesorino pri Zoologio en la Universitato de Rio Janeiro), Curie (profesorino pri Fiziko en la Pariza Universitato); Destrée (Membro de la Reĝa Arĥeologia Akademio de Belgujo), D-ro Einstein (profesoro pri Fiziko en la Universitato de Berlin), D-ro Gilbert Murray (profesoro pri Greka Lingvo en la Universitato de Oxford), De Reynold (profesoro pri Franca Literaturo en la Universitato de Berno), Ruffini (profesoro pri Kanona Juro en la Universitato de Turin), Inĝeniero Torres Quevedo (direktoro de la Elektroteknika Laboratorio de Madrid).

La Komisiono okazigos sian unuan kunvenon la 1.ªⁿ de la proksima aŭgusto en Ĝenevo.

Jen propono: al ĉiu komisionano sin turnos tuj samlandaj Societoj kaj Grupoj Esperantistaj en gepatra lingvo rimarkigante utilon de Esperanto, rezultojn de la Konferenco de la Instruistaro en Ĝenevo kaj ĉion konvenan por altiri ilian atenton al Esperanto; samtempe ĉiuj Esperantistoj samnaciaj je ĉiu komisionano sin turnos al ĉi tiu per kiel eble plej bela poŝtkarto pri artajo de sia urbo petante, ke la Komisiono akceptu Esperanton por tiel grava internacia en-

trepreno. Nacia Esp. Societo sendos, kun la gratulo kaj peto ĉefeĉan ŝlosilon al Komisionano samnacia; la Societoj, Grupoj kaj Esperantistoj fremdaj je ĉiu Komisionano, belan poŝtkarton kun simpla gratulo kaj peto en Esperanto, kaj ju pli nombraj estu la gratuloj kaj petoj des pli bone. Societoj kaj Grupoj ne forgesu stampi per siaj oficialaj stampiloj siajn komunikaĵojn. Tiel ni certe vidigos al la Komisionanoj ke Esperanto estas «vivanta lingvo de vivanta popolo» tutmonda.

Al Hispanaj samideanoj mi sciigas, ke jam je la komenco de ĉi tiu jarcento, reveninte nia glora elpensisto Torres Quevedo el Internacia Kongreso de Sciencoj okazinta en Vieno, kiam li raportis al la Hispana Scienca Akademio, li rimarkigis, ke malgraŭ uzo de franca, germana kaj angla lingvoj, estis neebla bona interkompreniĝo, kaj ke malgraŭ spertaj Sekretarioj por la tri lingvoj la Prezidanto konstatis ke li ne estis povanta respondi, ke la tekstoj franca, angla kaj germana esprimu la ĝustan saman sencon. La tiama Babel-Turo, laŭ raportas la Bulteno de la Hispana Scienca Akademio, devigis S-ron Torres Quevedo atentigi la Akademion pri nepra neceso por unu sola lingvo por la Internaciaj Kongresoj Sciencaj, kaj eĉ oni nomis Komisionon por studi la aferon. Tial, ni, Hispanoj, rememoru al S-ro Torres Quevedo ĉi tion dirante al li, ke jam lingvo kapabla estas por ĉiaj homaj interrilatoj laŭ elpruvis eksperimentoj faritaj.

Ni rapide gratulu la Komisionanojn per amaso el poŝtkartoj, ĉar adresoj sufiĉas al Universitatoj k. t. p.; ni agu tiel ĉar eble ni atingos gravan sukceson, ĉar Komisionanoj sin trovos denove en Babel-Turo kiel tiu de Vieno pri kiu plendis Torres Quevedo, kaj almenaŭ ĉi tiu tutmondfama elpensisto jam estas klinita al sola lingvo.

*Julio Mangada Rosenörn*

Gazetoj bonvolu represi ĉi tiun artikolon aŭ aferon ĝian.

# FRAGMENTO

La milito dispecigis kaj detruis multajn aĵojn, kaj el ili, grandajn ideojn, moralajn risortojn, kiuj estis bazo de kontinenta organizo forta kaj solida. Kiam je 1919 silentis la timiganta kaj terura voĉo de la armiloj, la popoloj, kiuj je 1914 sin komprenis reciproke, ĉar ilin kunigis perfekta solidareco de ideoj kaj interesoj, spertis terure surprize, ke ili ne povis daŭrigi la dialogon; ili parolis diferentajn lingvojn.

La internacia idealo, la homama idealo, interpretate de ĉiuj popoloj laŭ ilia temperamento kaj kulturo, havis por ili ĝeneralajn kaj esencajn punktojn de koincido koncerne defendon de principoj, konvenoj aŭ necesoj, kiujn ili konsciis esti universalaj. Hodiaŭ ekzistas la glorvizio, la antaŭsento, de multaj, eble la konvinko de iuj, pri la pasinteco, pri la foreco aŭ nuleco de la principoj de la vivo internacia regintaj la mondon antaŭ 1914, pri la nepovo kaj mizereco de tiuj principoj por satigi la postulojn de nova organizo de la mondo, kiun ĉiutage pli kaj pli akcentigas forte kaj firme la sento pri homa unueco, pri universala societo, kiu ne ŝatas jam la kadukajn sistemojn de regado internacia, kiun Eŭropo altrudis al la mondo.

Tagojn antaŭ la morto de D-ro Simarro, la glora kaj klerega hispana homamanto, kiam kancero preskaŭ estis konsumanta lian fizikan korpon sed samtempe superiganta lian delikatan spiriton pli kaj pli kaj puriganta lian mirindan intelekton, li, parolante, per tono sindonemega kaj nobla, per tono vekanta dolĉan emocion ĉies, diris la jenajn parolojn neforgesindajn: «Ni ekeniras en historian periodon, kiu estas tre simila je tiu, kiu venis post la detruo de la roma Imperio. La homaro vivadis en mallumega maltrankvileco; ŝajnis, ke oni kondamnis la homaron al fatala returniro; sur la rubojn de la civilizo de Romo oni vidis ĝermi nenia idealo, nenia principo kapabla regi la mondon, kaj multal est-

is tiuj, kiuj proklamis la renversiĝon de la kristana civilizo. Ekkomenciĝis la apenaŭ perceptebla flugilbatetado de iuj ideoj; kaj ĉe la Arto kaj ĉe la Religio naskiĝis granda movado renoviganta, kie oni forĝis kaj perfektigis la politikajn kaj socialajn instituciojn, kiuj estis nervaro kaj muskolaro de la moderna mondo.»

Simarro estis prava; hodiaŭ ni ĉeestas la bankroton de la principoj kaj leĝoj juraj kaj ekonomiaj, kiuj estis bazo de sociala organizo, kiuj kriziĝis dum la milito, dum kiu mortis mondo kaj brilis la tagiĝo de alia mondo nova. Tiu avideco pri la materiaj apetitoj, pri la deziroj kaj ambicioj pli brutaj kaj maldelikataj, kiujn oni rimarkas ĉie, estas kaŭze de la submetiĝo de la individua kaj popola animoj al regado de la nekredeco. Sed hodiaŭ, malpli ol iam, povas la spirito forlasi siajn grandajn kaj superajn entreprenojn, ĉar tial ke la materia civilizo atingis tre altan nivelon, pli evidenta estas la neceso por ke la ideoj kaj la principoj regu la materian mondon poetigante, beligante, indigante kaj idealigante; farante homa kaj racia la regnon materian.

Hispane verkis *Augusto Barcia*

---

## Ĉu pure racia lingvo?

La genio de Zamenhof konsistas en tio, ke li ne kreis, kiel liaj antaŭuloj, artefaritan lingvon, sed vere vivantan, vivpovan lingvon. Kial? Ĉar li komprenis, ke en lingvo *por la Homaro* (ne nur por scienculoj) la instinkto devas ludi sian rolon, kiu estas grava. Tiun lingvan instinkton Zamenhof posedis kiel malmultaj homoj aŭ eble neniu. Ke nia lingvo, kiel ĉiuj aliaj, sub la malrapida influo de la scienco fariĝos *iom post iom* ĉiam pli racia, tio ne estas duba, sed se subite ni penus fari nian Esperanton pure «racia» lingvo ni forprenus de ĝi la «instinktan» forton, dank' al kiu ĝi estas ne ia tre lerta artefaritaĵo, sed «vivanta lingvo de vivanta popolo», kiel prave diris Ed. Privat.

## Al la Hispana Esperantanaro

Ni ne laboru por pereigi nian lingvon; ni restu plene fidelaj al la dekses reguloj donitaj de la Majstro al ni; ni, do, akceptu la jenan konkludon de la Akademio pri landnomoj post studo de la raporto sendita de P-ro Grosjean Maupin kun demandaro por voĉdono:

Konkludo: «La raporto sufiĉe pruvas, ke neniu sistemo estas plene rekomendinda el la *teoria* vidpunkto... Pro tiu ĉi motivo, oni devas konsideri nur la *praktikan* vidpunkton... El tiu ĉi vidpunkto la fideleco al la ĝis nun ĝenerale akceptita tradicio estas pli sendanĝera ol ia ajn provo...»

### DEMANDARO KAJ RESPONDOJ

1.—Ĉu silenti kaj ne plu pritrakti la demandojn pri landnomoj?
10 ne - 2 duboj = *Ne*.

2.—Ĉu konsilinda la plena libereco?
11 ne — 1 duba — *Ne*.

3.—Ĉu konsilinda unu el la montritaj sistemoj?
10 ne — 2 jes (1 ej' — 1 Boirac = *Ne*.

4.—Ĉu oficialigi la rekomendon de Rektoro Boirac?
8 ne — 3 jes — 1 duba = *Ne*.

5.—Ĉu akcepti la proponon Privat?
9 ne — 3 jes = *Ne*.

6.—Ĉu konsilinda la simpla fideleco al la Fundamenta uj (1)?
9 jes — 2 ne — 1 duba = *Jes*.

---

(1) Tio, kompreneble laŭ la Zamenhofa sistemo, kiu ne koncernas la landojn, kies nomo finiĝas per lando aŭ kuŝas ekster Eŭropo kaj Azio; Irlando, Kanado, Peruo, Maroko, k. t. p.»

Ni do skribu nepre Francujo, Hispanujo, Svisujo, k. c.

# Atentu junulino!

Papili' en floraro
kun brilriĉa koloro,
flugas de flor' al floro
ĉu sola ĉu laŭ paro.



Nur gaja viv' amuza
movis ĝian animon,
ĝi ne konis la timon,
ĝi naiva, ne ruza.



Sed paŝas la lum' pura,-
alvenas la vespero
kaj ankaŭ la danĝero
de l' vesperto terura.



Se ĝi ne rifuĝlokon
serĉas sed floron belan,
kaj ŝatas lumon stelan,
ne de l' dormad' l' alvokon



Finiĝos ĝia festo
tra l' arbaro malhela
en la buŝo kruela
de malbelega besto.



Belega junulino!
gaja en monda bruo,
vi pensas ke la ĝuo,
vin sekvos ĝis la fino.



Celu vivon feliĉan
sed puran kaj honestan,
serĉu floron modestan,
ne serĉu la plej riĉan.

Kiu nur serĉas floron
riĉan kaj vantan brilon
eble perdos trankvilon,
feliĉon kaj honoron.

*Rafael de San Millán*

---

# PATRUJO

*Al mia bona amiko Antonio Durá, el Barcelono.*

La antaŭe silenta kaj trankvila vilaĝo, kies bordojn ameme kisadis la marondoj, balanciĝantaj peze kaj unuforme, dum la somertagoj kvazaŭ influitaj de la somera vetero, malkvietiĝis. Tra ĝi iradis emociaj militventoj. La junularo, laborbatalantoj, ĉion forlasis por almiliti.

Iam ne plu estos eble vidi tiun barkaran procesion, kiŭ kvazaŭ meva armeo sin jetis, etendante siajn blankajn flugilojn, supren la senfina maro, kiu polurite de la suno aspektis smeraldo de multnombraj facetoj, reveni, kvazaŭ venkinta militistaro, plenegaj de arĝentumita ŝarĝo.

Baldaŭ en la vilaĝo nek junulo restos: Ĉiuj soldatoj! La solaj loĝantoj de nun, nur estos la neutilaj: la gemaljunuloj kaj la geinfanoj. La aliaj iros defendi la patrujon, kvankam ili ne konis alian ol la vilaĝon, kie ili vidis la unuan lumon kaj balbutis la unuajn vortojn, tamen, sklavoj de malkuraĝo iros defendi kion ili ne konas.

Baldaŭ bataliono formarŝos el la vilaĝo por ne reveni ĝis atingi plenan kaj gloran sukceson. La malamiko estas kruela kaj sovaĝa kaj oni civilizos lin per la kanonbuŝoj. Vivu la civilizo kaj la progreso!

Apud la preĝejo patrino ploras, ĉar almiliti iras peco de ŝia koro. Ne ploru patrino mia, diras, bonaspekta junulo, dum la homo, anstataŭ sin ami reciproke kaj fari grandan familion, havu tiun mizeran opinion pri la

patrujo, kiu haltas antaŭ rivero aŭ monto kaj tiun feliĉan amon por determinita standardo, estos eblaj tiom da ruinigoj, tiom da krimoj maskigitaj de la nomo «naciaj necesoj» kiam nur okazas profito por kelkaj, kiuj neniam alnilitas. Anstataŭ plori vi, la virinoj, devus agi por malpermesi ke, je la nomo de... *tiuj necesoj*, forprenu viajn filojn por esti senkonscie buĉigitaj. Vi, kiuj kiel neniu scias ami, kiujn nek la morto timigas, kiam oni defendas filon, ne plu devas toleri ke tiuj, kiujn vi naskis, dum plena vivaĝo, kiam povas esti utilaj por vi kaj por ĉiuj, mortu mizere kaj antaŭ la forgeso ĉies. Adiaŭ...!

...Ĉio estas ĝojo en la vilaĝo. La bataliono revenas plena je laŭroj, kvankam ne ĉiuj, kiuj formarŝis revenas, ĉar aliaj...! Tamen, ili venkis, nek ŝtono stariĝante restis kie ili iradis.

Apud la preĝejo ne estas tiu patrino, pro doloro kaj soleco ŝi mortis: anstataŭ ŝi kaj preferinde estis la patrujo.

...Iam en urbo oni vidis blindulon almozpetantan, kiu altiris la atenton ĉies kaj kiun la plimulto konsideris freneza, ĉar malgraŭ aspekti ekssoldato, kiu pro militmeritoj sur la brusto portis militordenon, kiu permesis al li, por ne morti iom post iom mizere, almozpeti, ankoraŭ plendis kaj mallaŭdis la karan patrujon, kiu havigis al li la gloron sin vidi en tiu situacio, ĉar ne ĉiuj povas aspiri admiron ĉies. Vivu la patrujo!

*Piñol*

---

# FUNDAMENTO AŬ FUNDAMENTAJ PRINCIPOJ

Kelkaj Esperantistoj opinias, ke sufiĉas la fideleco al la Fundamentaj principoj. Sed ili ne atentas, ke tiuj principoj allasas - kiel prave diris S-ro Rollet de l' Isle - la konstruon de du aŭ tri lingvoj ofte tre malsimilaj rilate la vortaron kaj eĉ la gramatikon. La internacieco de iu vorto aŭ gramatika finaĵo por esprimi unu ideon estas tre relativa (*kano* anst. *hundo*, *s*, *n* aŭ *r* anst. *j* por la multnombro, *m* anst. *n* por la akuzativo, k. t. p., k. t. p.). Pri tiu ĉi temo senfine oni povas diskuti! — La fideleco al principoj fundamentaj eĉ *Fundamentaj* tute ne estas sufiĉa garantio por nia internacia lingva unueco. Ĝin povas garantii *nur* la *nepra* fideleco al nia Zamenhofa Fundamento de nia Esperanto.

---

# Kie ni kongresos je 1923?

Tiel oni titolis tre fundamentitan artikolon, kiun aperigis «Esperanto Triumfonta» de la 9.ª de aprilo, kaj mi min demandas: «Kie devas okazi niaj kongresoj dum nunaj cirkonstancoj persistos?»

Antaŭ unu monato proksimume mi skribis miajn opiniojn pri la Kongresoj kaj pri organizado de la tuta Esperantistaro al amiko nun vojaĝanta tra Centra Eŭropo, kaj mi diris al li, ke estis grava eraro elekti Helsinki por la XIVª, ĉar estas tro malproksima urbo, kaj ke nun ni devas nin prezenti multenombrege en niaj kongresoj, por ke konsciu le neesperantanoj pri nia forto. Ĝenerale la Esperantanoj ne estas riĉuloj, ili penadas ĉeesti kongreson kaŭze de sia idealo, kaj tial nepre necese estas elekti urbon el centra Eŭropo. Tiel nefavora estas Helsinki, kiel hispana aŭ sudorienta eŭropa urbo: tre malmultaj Hispanoj ĉeestos la XIV.an, kaj okazus tute male se oni estus akozigonta ĝin en centra Eŭropo. Nepre necese por la bono de Esperanto estas ke, dum la nefavoraj cirkonstancoj postmilitaj persistadu, ni okazigu niajn kongresojn en urbo al kiu ni povos veturi grandamase.

Tial, «Esperanto Triumfonta» estas tute prava, kaj mi finas dirante: ne nur Nürnberg estus vere ideala sidejo por la XV.ª, sed ankaŭ estas idealaj por sekvantaj kongresoj Vieno kaj aliaj urboj de la centra Eŭropo,

kaj ni havas la nepre plenumotan devon atenti multe pri ĉi tiuj centraj urboj por sidejoj de niaj kongresoj se ni volas sukcesigi nian aferon, kiel eble plej rapide. Atentu, ke entuziasmo ne sufiĉas, ke estas necese havi monon.

*J. M. R.*

---

## INTERNACIA KONFERENCO PRI

# Instruado de Esperanto en Lernejoj

**Genéve 18-20 Aprilo 1922**

Perfekte, laŭ la programo planita, disvolviĝis ĉi tiu grava konferenco, kiun ceestis nombraj instruistoj de Esperanto el Anglujo Bulgarujo, Francujo, Germanujo, Hispanujo, Egiptujo, Rumanujo, Ruslando, Georgio, Finnlando, Hungarujo, Aŭstrio, Ĥinujo, Belgujo, Ukrajnujo, Nederlando, Svedlando, Japanujo, Ĉeĥoslovakio, Nederlando, Italujo kaj Danujo.

La Paskan Dimanĉon, malagrabligis la pluvo festenon en la belega parko Grange, sed la «nova sento» eklaboradis frate per interbabilado kaj interkonatiĝo. Okazis: vizito al la ekspozicio en la Instituto J. J. Rousseau; diservo en la Katedrala Kapelo de la Makabeoj, kaj la Virina Ligo por Paco kaj Libereco akceptis familie kaj agrable la Konferencanojn en sia hejmo, je la vespero.

Lundon, 17.an, Konferencanoj amuziĝis ekskursante sur bela lago Leman kaj interŝanĝis opiniojn pri spertoj atingitaj, pri metodoj por instrui la lingvon, kaj tiel eĉ ili preparis la laboron farotan.

Alveninte al Ouchy-Lausanne, la Konferencanoj kaj samideanoj lokaj kaj ĝenevaj aliris tagmanĝi al la Hotelo de Anglujo, kie ĉiuj daŭrigis la interŝangojn de opinioj, aŭskultis antaŭ tagmanĝi ĥoron, kaj iuj paroladetis post la tagmanĝo vekante intereson.

Reveninte al Ĝenevo, okazis vizito al la Domo de l' Etuloj de l' Instituto J. J. Rousseau, kie rimarkinde sindoneme oni akceptis la vizitantojn. Ĉi tiuj esploris la ĉambrojn de la Instituto kiun spertege direktas P-ro. Bovet, tutmondfama pedagogo, kiu sin turnis al la vizitantoj per parolado simpla, bela kaj flua dirante ke li estas juna membro de la granda rondo familia kiun kantis la Majstro; ke li ŝuldas al gripo koni nian lingvon, ĉar li profitis la tagojn dum la malsano por Lerni Esperanton, ĉar pro sia granda kaj konstanta laboro, li antaŭe ne povis ĝin lerni. Li klarigas, ke la Instituto estas centro por studi pri la infano kaj la infanedukado, ĉar estas tre necese koni la infanojn pli bone ol nun oni konas ilin, kaj pro kio la Instituto havas moton: «La infanoj estu niaj instruistoj»; tial, la infanoj triokjaraj estas tre liberaj ĉe la Instituto sub sperta gvidado laŭ la spertoj de d-ro Montessori kaj de aliaj famaj pedagogoj; ili ludas ĉar ekzercoj estas necesaj por ili, por iliaj okuloj, iliaj membroj kaj ilia voĉo. Li esprimas, ke ĉu pedagogiaj diskutoj ofte estas neutilaj, la debatoj fariĝus utilaj se oni provus mezuri la rezultojn de ĉiu instruado, de ĉiuj metodoj, kaj tial tiu ĉi mezuro devas esti celo. Li esprimas, ke la Instituto venis al la Konferenco pro devo konstati science, per rikolto de precizaj faktoj fundamentitaj, kio estas Esperanto kaj kia estas ĝia influo en la lernejoj.

D-ro Privat per sia rava parolo faris paroladeton esprimantan miron, tial ke scienculo, S-ro Bovet, deflankiĝis de la vojo suririta de preskaŭ ĉiuj scienculoj koncerne Esperanton, ĉar ĉi tiuj, koninte Esperanton. post rigardeto, ĉiam diris, ke ili estus farintaj la lingvon pli bona, kaj tial ke S-ro Bovet venas al nia afero laŭ praktika maniero. Ni nenion devas timi el la scienca ekzamenado de la lingvo, male ĉion ni gajnos el ĝi.

Mardon 18.an la Konferenco komencis, je la 10.a matene, sian laboron en la Sekretariejo de la Ligo de Nacioj, malfermante la kunvenon P-rof. Bovet, kiu transdonis la parolon al Lia Moŝto Sir Eric Drummond,

Ĝenerala Sekretario. Ĉi tiu angle parolis kaj S-ro Ĉikao Fujisaŭa tradukis la bonvenan paroladon kies esenco estas la jena: ke la spirito kunvokinta la Konferencon kaj tiu, kiu instigas la Ligon de Nacioj, estas similaj, aparte opinioj pri valoro de Esperanto kiel helplingvo, ĉar ambaŭ penadas por plej bona interkomprenado kaj kunlaborado inter la popoloj, kio estas ja granda idealo celata de sindonemaj kaj bonvolaj homoj, pro kio la parolanto sentas feliĉon; plie, tial ke la Konferenco okazas en la domo de la Ligo, kaj tial ke la Ligo decidis meti la demandon pri tutmonda instruado en lernejoj sur programon de la proksima aŭtuna kunsido, por kiu la Sekretariaro preparas detalan raporton pri la spertoj jam faritaj kaj rezultatoj atingitaj, ĉar la Ligo ricevis jam respondojn al demandaro dissendita de ĝi kaj aliaj ankoraŭ alvenos kaj ankaŭ la Konferenco lumigos la problemon.

Sekve P-rof. Bovet france klarigis la celon de la Konferenco por ke neesperantistoj komprenu. Tuj, laŭ propono de S ro Page, oni elektis D-ron Privat, Prezidanton, kaj ĉi tiu siavice proponis honorprezidantojn S-rojn Bovet, Sevenhuijsen kaj Carth; unuanime oni elektis ilin, kaj kiel ĝeneralan sekretarion S-ron W. Perrenoud.

S-ro Privat dankis la Ligon de Nacioj pro la gastigo kaj la Instituton J. J. Rousseau pro la kunvoko de la Konferenco, kiu estas sekvo de la komisiono elektita en Praha, kaj kies ĉefa celo estu, studi kiel atingi reciprokecon kaj samtempecon en la internaciaj laboroj por enkonduki Esperanton en lernejoj. Li konsilis ne havi iluziojn, ne trograndigi; ne postuli ke registaroj jam taksu Esperanton antaŭ ol saĝe kaj precize pruvi al ili, ke Esperanto estas pli ol nur granda eksperimento; li rekomendis penadi por ke la infanoj lernu Esperanton kaj alproksimiĝu al ĉiuj aliuloj, kaj li esprimis la esperon, ke venos tempo, kiam Esperantistoj helpos la Ligon de Nacioj.

Salutleteron de S-ro Carth je la nomo de la Akademio.

Ĉiuj delegitoj pli-malpli parolis pri la eksperimentoj faritaj en siaj landoj, kaj ĝenerale oni konstatis ke Esperanto estas pensa logika gimnastiko por la infanoj helpanta la konon perfektan pri la gepatra lingvo kaj lernado de fremdaj kaj klasikaj lingvoj; kaj la delegitoj de Ĉinujo kaj Japanujo konstatis ke la vortfarado Esperanta estas simila al tiuj de ĉina kaj japana lingvoj, kaj ke, por Ĉinoj kaj Japanoj estas multe pli facila Esp. ol kiu ajn olia eŭropa lingvo. Laŭ ĉina delegito, S-ro Kenn, la Ĉina Ministro por edukado ordonis, ke Esperanto estu instruota. En Francujo precipe Komercaj Ĉambroj instruas Esperanton; en Germanujo ekzistas Oficiala Registara Instituto kun ŝtata subvencio kaj fako esperanta en la Ministrejo de Publika Instruado, oni instruas Esperanton en lernejoj de 123 urboj; en Bulgarujo laŭleĝe nedevige instruas Esperanton en 25 gimnazioj al 800 leanantoj; en Ĉeĥoslovakio, al 450 lernantoj en 15 popollernejoj, al 350 en 3 mezlernejoj kaj en profesia lernejo al 40 kaj la Ministro estas favora enkonduki Esperanton nedevige; en Nederlando, 250 instruantoj instruas nedevige Esperanton en 95 urboj kaj en 2 privataj lernejoj la lingvo estas deviga; en Hungarujo, la Ministro de Publika Instruado permesis instrui fakultative Esperanton en 3 lernejoj; en Svisujo, oni instruas Esperanton eksperimente al lernantoj de sepgradaj lernejoj. En ceteraj landoj la sola entuziasmo kaj fido de niaj pioniroj antaŭenpuŝas, rimarkinde speciale en Anglujo nian aferon.

D-ro Bovet proponis: La faktaro kunigita de la Konferenso montras, ke metoda enketo pri la rezultoj de la Esperanto instruado en lernejoj estas dezirinda.

Tiu enketo devas esti farata laŭ la reguloj de eksperimenta pedagogio. Ĝi studados la demandaron proponitan por la nuna kunveno kaj ĉefe la sekvantajn demandojn:

Ĉu Esperanto malbonigis la studon de la patrina lingvo ĉe la lernantoj?

Ĉu Esperanto estas malhelpaĵo en la studado de fremdaj kaj klasikaj lingvoj?

Aŭ kontraŭe, ĉu la eksperimentoj de Eccles kaj Bishop Auckland estos sampruvaj en lernejoj de aliaj landoj?

Ĉu la eklernado de Esperanto faciligas poste la komprenon de la gramatiko fremdlingva?

Eksperimentoj tiaj estos diversigitaj laŭ la diverslandaj programoj, sed ĉiam kun pure scienca celo, sen iu ajn antaŭjuĝo.

Akceptinte la proponon la Konferencanoj elektis specialan Komisionon konsistantan el Gesinjoroj Bovet, Fisher, Ledermann kaj Pomarici, por labori kaj difini la detalan eksperimentan programon; kaj decidis, ke la Komisiono devos raporti al proksima Esperanta Kunveno de Instruistoj kaj al XIV Kongreso en Helsinki. Kaj la Prezidanto fermis la kunvenon.

Tute brila kaj interesa estis la Publika solena Kunsido en la Universitato je la 20 1/2[a], kie la Ŝtatregisto kaj Prezidanto de de la Fako pri Publika Instruado en la Respubliko kaj Kantono de Ĝenevo, S-ro Mussard salutis la Konferencanojn.

Merkredon 19.an, matene la Konferencanoj reentreprenis la laboron ĉe la Ligo kaj el raportoj de la delegitoj oni elĉerpis, ke la morala valoro de Esperanto estas efektiva, ke la infanoj per lernado de Esperanto kaj korespondado interesiĝas pri Geografio, kaj sin sentas altirataj al fremdaj korespondantoj, kaj iom post iom sentas naskiĝi ĉe siaj koroj amon al alilanduloj starigante tiel la fratan senton inter ĉiuj homoj tiel efika por la tutmonda paco celata de la Ligo de Nacioj. S-ro. Dietterle proponis kreon de centrejoj por la korespondado, pri kio S-ro Jacob (UEA) diris ke li intencas organizi bultenon. S-ro K. Graham-Thomson proponis: «Ke ĉi tiu Konferenco de Geinstruistoj el 28 landoj konstatante la grandan edukvaloron de la Geskoltaj Movadoj de la mondo, simpatias kun la nuna instruado de Esperanto inter geskoltoj kaj rekomendas, ke la estroj de la Geskoltaj Movadoj en ĉiu lando subtenu la instruadon de Esperanto inter la geskoltoj.» Oni akceptis unuanime la proponon kaj alian similan por la Ruĝa Kruco. Poste oni legis saluttelegramojn.

Posttagmeze: oni pritraktis pri la organizado de la instruado, pri metodoj kaj lernotempo. Post esprimado pri aĝo de lernantoj, pri specialisto por instrui; pri rekta aŭ gramatika metodo, aŭ rekta je la komenco kaj gramatika je la fino, por la instruado; pri la uzo de gramofono por la elparolado; pri utiligi Geografion k. c. por instrui la lingvon; pri necesa bona kaj multa legmaterialo internacia; pri postulo de nedeviga aŭ deviga enkonduko en lernejoj; kaj post diskutado pri ĉi tio lasta, D-ro Privat resumis, ke la ĝenerala deziro de la Konferenco estas, ke la Registaroj se eble enkonduku instruadon devigan.

Vespere, je la 20,30 okazis la Publika Kunsido en la Ateneo en kiu, niaj anglaj gesamideanoj F-rino Fisher, S-ro Young kaj Collinson, parolis pri utilo de Esperanto en mezgradaj lernejoj, en unuagradaj lernejoj kaj pri fondo en Liverpool de Asocio de Esp. Instruistoj konstatinte, ke Esperanto estas facile lernebla, helpilo por lerni aliajn lingvojn, perfektigilo por la gepatra, kaj ke Esperanto naskas ĝeneralan intereson pri la homaro kaj riĉigas scion pri Geografio. Ankaŭ D-ro Privat parolis pri la elementoj de la Esperanta Gramatiko. Sekve okazis familia akcepto en la salonaro de la Ateneo per Dro. Privat.

Jaŭdon 20.an ĉe la Ligo unue oni pritratis la dekjenaj punktojn de la Parlamenta Demandaro:

1. Ĉu Esperanto estas instruata en via lando kiel eksperimento aŭ pro definitiva decido?

2. Kiu decidis la aferon?

3. Kiu proponis?

4. Kiu apogis.

5. Kia estas la rolo de la Nacia Parlamento en tiu rilato?

6. Kia estas la rolo de provinca konsilantaro?

7. Kia estas la rolo de urba aŭtoritato?

8. Ĉu la koncerna aŭtoritato provis ion por certigi reciprokecon eksterlande?

9. Ĉu reciprokeco estis aludita dum la diskutado.

10. Kiu povo en via lando rajtas trakti pri reciprokeco?

Kaj post raportoj de la delegitoj, D-ro Privat resumas; en kelkaj landoj tuj oni povas komenci la instruadon de Esperanto laŭ elektebleco de iuj aŭtoritatoj, la Registaro povas permesi tion, kaj ĉi tio estas la unua paŝo; poste oni povas ataki la parlamentojn, kiuj povas plĭ definitivigi la aferon; la reciprokecon oni atingos ĉu per enketo de Ministrejo mem en aliajn landojn al samaj Ministrejoj (li konsilas ke oni instigu la Ministrejon tion peti), ĉu per la parlamenta agado kaj Ligo de Nacioj kaj por ĉi tiu jam oni elektis en Praha Komisiono.

S-ro Kamaryt parolis pri la ágado de la Komisiono, kies rezultato estis la Konferenco; pri la propagando parlamenta, kiu devas komenciĝi internacie hodiaŭ pli facile pro la Ligo de Nacioj; pri la sukcesa laboro koncerne Ligon de Nacioj dank' al D-ro Privat; pri la faktojn aŭditajn de la Konferenco kaj pri maniero daŭrigi la laboron dum la estonteco.

Post paroloj de D-ro Privat pri la favora opinio de D-ro Benés al Esperanto, tiu prezentas la jenan proponon:

«La Konferenco deziras konstantigi la Komisionon elektitan en Praha, kaj starigi internacian centron dokumentan kaj agadan pri Esperanto en lernejoj. La estraro de la Komisiono organizu tiun centron sub nomo Oficejo aŭ Instituto kaj decidu provizore pri la loko.»

Kompreneble, ke, post korespondo kun naciaj Societoj, la Komisiono devas sin kompletigi, ke ĝis tiam oni povas konsideri la estrojn de la naciaj Societoj kiel komisionanojn, kaj ke la estraro havu la taskon formi la Komisionon laŭ tiu principo. Unuanime oni akceptis la proponon.

S-ro Czubrynski, el Polujo, proponis, ke naciaj societoj sin turnu al sia nacia parlamento por ke la Registaro enkonduku Esperanton kiel internacian helpan lingvon en la programon de la lernejoj de la lando kun la rezervo, ke aliaj Registaroj ankaŭ tion faros; kaj post diskutado ankaŭ ĝin aprobis.

Reveninte al la propono pri Centro, D-ro. Privat diris pri peto al Ligo de Nacio por protektado, se tiu ĉi peto ne sukcesus, fari peton saman por morala subteno al la Instituto J. J. Rousseau, aŭ al grandaj Institucioj, kiel Ruĝa Kruco. Oni akceptis ke la Centro restu en Ĝenevo pro interrilatoj kun la Ligo de Nacioj. Oni difinis interkonsentojn eventuale proponotaj al interesitaj Ŝtatoj aŭ edukaj aŭtoritatoj. Oni ricevis kaj forsendis telegramojn, unu el ili al Konferenco Internacia de Ĝenovo. Kaj la Prezidanto fermis la kunvenon.

Denove, posttagmeze, je la 15.ª, Dro. Privat remalfermis la kunvenon kaj anoncis la aperon de libro esperanta pri G. Willians, la fondinto de K. U. J. V.

Tuj S-ro Núñez (el Hispanujo) proponis ke: «Ĉi tiu Konferenco de geinstruistoj, konstatante la grandan praktikan valoron de Esperanto, simpatias kun la nuna instruado de internacia lingvo inter policanoj por helpo al la fremdaj vojaĝantoj sur stratoj kaj rekomendas, ke la policestroj en ĉiu lando subtenu ĝian instruadon.» Unuanime oni akceptis la proponon.

S ro Kenn (el Ĉinujo) proponis organizon de «Internacia Esperanto Eldonanta Asocio», opiniante ke la progreso de Esperanto postulas, ke ĝia uzado praktike disvastiĝu per influo de Esperanta literaturo en ĉiuj elmontradoj de la moderna vivo, en la komerco, en la industrio, en la politiko, en la sciencoj, k. t. p.; ke la Asocio estos fondota laŭ komuna konsento de ĉiuj landoj, kaj entenu ĉiujn spertajn Esperantistojn kaj Esperantistajn Aprobantojn; ke la «Eldona Fako» estu la ĉefa parto de la Asocio por publikigo de ĉiuj famaj verkoj sciencaj kaj literaturaj el ĉiuj landoj, por kio la Asocio havos grandan presejon, kaj vendonte la eldonitajojn malmultekoste pro kaj por *Es-*

*perantismo;* ke por havigi sufiĉan monon al entrepreno, la Delegitoj de la Konferenco petu subvencion de la Registaro kaj popolo de sia respektiva lando; kaj ke se la propono estus meritinta la akcepton, oni organizu specialan komisionon por la plano de la Asocio.

Por studi kaj plani la proponon oni nomis la Komisionon, kiun prezidas S-ro Rollet de l' Isle kaj, al kiu apartenas S-roj Dietterle, nia kompetanta samideano germana, kaj la proponinto inter aliaj.

Poste estis paroladetoj por saluti la Konferencon kaj la Finnlandan Registaron, la unua de la finna Delegito, la dua de D-ro Privat je la nomo de la Konferenco, aldonante dankojn por S-ro Fujisaŭa pro la raporto pri la funkciado de Ligo de Nacioj, donota al Konferencanoj, kaj por la rondeto Esp. de la Oficejo de L. de N. kaj pro ĝia tre interesa gazeto «Nova Tagiĝo».

S-ro Page (el Anglujo) proponis manifeston al tutmonda Instruistaro, kaj diskutinte la tekston, kiun prezentis ankaŭ la proponinto, ĝin akceptis kaj oni deziresprimis la tradukon al naciaj lingvoj kaj aperigo sur la naciaj gazetaroj. (Fine aperas la Manifesto.)

La Direktoro de la Instituto J. J. Rousseau, D-ro Bovet, sciigis, ke proksima kongreso pri morala edukado (je fino de julio en Ĝenevo, uzos Esperanton kiel oficialan lingvon.

S-roj Alessio (el Italujo), Page kaj Dietterle, dankis respektive Ligon de Nacioj, Oficistojn laborintajn por la Konferenco kaj D-ron Privat, kies eminenteco, kiel parolisto kaj Prezidanto, same energia kiel bonhumora, aminda homo kaj samideano estas rimarkinda, gvidis majstre la Konferencon: *Unua firma paŝo al la triumfo.*

D-ro Privat sekve, per sia alloganta, flua, bela dirmaniero, parolis por danki ĉiujn, kiuj helpis la sukceson de la Konferenco, esprimante la esperojn por ke el ĝi lernos rilate ordon kaj seriozecon niaj Kongresoj Internaciaj; por ke la Konferenco impresos la Registarojn, kiuj konvinkiĝos ne ekzisti eĉ ia ajn risko per enkonduko de Esp. en lernejoj kvankam la lingvo ne sukcesus kiel internacia lingvo; kaj je paroloj liaj memorantaj la Majstron kaj Hodlern'n, profunda sento, tiu eksterordinara sento fratiga, kiu estas la potenca animo de Esperanto, levigis ĉiujn. D-ro Privat instigis la Konferencanojn, la kunlaborintojn, daŭrigi la seriozan laboron entreprenitan, por ke niaj etuloj havu feliĉan estontecon, por ke ili lernu esti utilaj al similulo kaj ne malutilaj, metante siajn kapablojn al la servo de tutmoda paco, kaj li finis dezirante feliĉan revenon al hejmoj redankante.

### Manifesto al Tutmonda Instruistaro

«Ni Reprezentantoj de 16 Registaroj kaj instruistoj el 28 landoj, kunvenintaj en la Sekretariejo de la Ligo de Nacioj en Ĝenevo, frate salutas niajn kunlaborantojn en la tasko de lumigado de la menso de la homoj.

»Ni asertas nian kredon, ke je la fundamento de la nuna bedaŭrinda stato, en kiu la civilizita mondo troviĝas, estas la malkompreno kaj malfido, kiuj dividas la popolojn unu de la alia.

»Ni asertas nian konvinkon, ke la sola certa kuracilo por ĉi tiu malbono estas edukado kaj la principo de internacia alproksimiĝo, por kiuj staras la Ligo de Nacioj.

»Ni taksas, kiel unu el la plej valoraj kontribuoj al la solvo de la problemo de la rekonstruado de la mondo la internacian helplingvon ESPERANTO, kaj asertas nian kredon, ke ĝi devas fariĝi parto de la eduka programo de ĉiu civilizita lando.

»Ni deziras konigi al vi la rezultojn de nia sperto en la instruado de Esperanto en lernejoj en diversaj partoj de la mondo.

»Ni konstatis, ke Esperanto estas tute sufiĉa por praktika uzado, kiel internacia lingvo por ĉiuj celoj parolaj kaj skribaj, por kiuj lingvo estas bezonata; kaj ke, krom tio, ĝi posedas rimarkindajn ecojn, kiuj pruvas ĝian valoron kiel eduka ilo.

»Ĝi valoras kiel helpo por la akiro de aliaj lingvoj modernaj kaj klasikaj, faciligante la

taskon kaj ŝparante la tempon de la instruisto, klarigante la gramatikajn formojn, liverante jam konatajn radikojn, kaj alportante al la tasko de esprimado menson jam kutimitan sin esprimi per pli ol unu lingvo.

»Laŭ nia opinio oni devas instrui Esperanton al infanoj, kiel la unuan lingvon post la gepatra jam en la unuagrada instruado. Tio ekipus la lernantojn, kiuj devas eliri el la lernejo je la plej frua momento, per sufiĉa scio de dua lingvo por praktika uzado; ĝi montrus, ĉu tiuj, kiuj iros al la duagrada lernejo, havas kapablon por plua lingva studado, kaj certigus, ke tiuj, kiuj havas tiun kapablon, komencos la novajn taskojn kun preparitaj mensoj, kaj tiamaniere efikus je ŝparado de tempo kaj pli bonaj rezultoj en tiuj studoj; kaj tiuj lernantoj sen la kapablo por lingvo studado povus sin dediĉi al pli konvenaj studoj.

»Ni konstatis, ke scio de Esperanto vekis en niaj lernantoj pli realan senton kaj ŝaton al geografio, mondhistorio kaj morala edukado, pli grandan kaj pli simpatian intereson pri fremdaj popoloj kaj iliaj kutimoj, literaturo kaj arto kaj ankaŭ tutmonda paco. Tio estas precipe helpata per la interŝanĝado de leteroj kaj ilustritaj poŝtkartoj kaj desegnajoj kun infanoj en aliaj landoj, la legado de internaciaj gazetoj en Esperanto kaj la studado de la diverslanda literaturo en la lingvo. Lernantoj povas partopreni en korespondado post kelkmonata studado de Esperanto. La avantaĝo de tiu korespondado estas, ke ĝi ne koncernas nur unu landon, sed estas ofta sperto, ke lernantoj en unu lernejo havas korespondantojn en multaj landoj.

»Per du lecionoj po unu horo en ĉiu semajno, lernantoj povas gajni sufiĉan kapablon uzi la lingvo en tri jaroj.

»Ni submetas ĉi tiun Manifeston al via serioza konsiderado kaj kore rekomendas al vi akceli la instruadon de Esperanto ne nur pro ĝia utileco por komerco, scienco kaj internacia agado, sed ankaŭ pro ĝia valoro kiel estimulo en tiu amika interrilatado inter la popoloj de la mondo, kiu estas la vera celo de la Ligo de Nacioj.»

Hispanaj gesamideanoj, per ĉi tiu kiel eble plej kompleta raporto vi havigos al vi materialon por propagandi per paroladoj, per la gazetoj; tuj entreprenu la laboron viglege, kaj super ĉio kiam vi tradukos la Manifeston por la enlandaj gazetoj atentigu antaŭe iomete pri la grava Konferenco de kiu devenas la Manifesto.

Antaŭen kun plena fido!

---

# TRA LA MONDO

**Romana Urbo Enterigita.**—Profesoro Valli, en Tivoli, direktas elfosadojn celantajn malkovri antikvan romanan urbon, kaj la sukceso estas granda, ĉar oni trovis grandan nombron da tri-etaĝaj konstruajoj altaj je sepdek piedoj. Oni povis rimarki, ke la romanoj konis la cementon, kiun ili uzis fortigi la kolonegojn el brikoj. Oni trovis novan statuon de la imperiestro *César Aŭgusto*, kaj per ĝi oni konstatis, ke efektive la imperiestro suferis je la lastaj jaroj de sia vivo paralizon, ĉar la statuo havas la buŝon kaj nazon klinitajn. Ankaŭ oni trovis arĥeologiajojn, kiuj estas tre interesaj por koni tiun periodon.

---

# BIBLIOGRAFIO

CHECOESLOVAQUIA.—Jen bela libro rimarkindaj kun bildoj, bonege presita sur luksa papero kaj hispane verkita; ĝi estas detala priskribo pri industrio,

naturaj riĉaĵoj kaj komerco de la juna respubliko; ankaŭ per ĝi oni povas scii pri historio, arto, k. c., de tiu ĉi malnova nacio de centra Eŭropo. Tial la libro estas tute plena je intereso kaj la subtenantoj de ĉi tiu gazeto certe ĝojos per la legado kaj pro la posedo de la bela libro.



«Tri Angloj Alilande», romano originale verkita en Esperanto, de John Merchant, 18 × 12 cm., 62 paĝa. 2.ª eldono de Brita Esp. Asocio (17 Hart Street - London, W. C. 1). Ĉi tiu romano leginda, tre sprita, estas unu el plej bonaj esperantaj verkoj. Prezo: 1 ŝ 1 p. (kvin respondkuponojn).



«La Karavano», estas tradukaĵo de germanaj fabeloj originalaj de Wilheln Hauff fama literaturisto. La tradukisto, J. W. Egglehon, prezentas al ni la germanajn fabelojn per simpla zamenhofa stilo, kiun ni plene ŝatus se li ne estus uzinta iujn vortojn: ekzemple «aperturo» anstataŭ truo aŭ fendo La libro estas 18 × 12 cm.; 98 paĝa; zorge presita. Prezo: 1 ŝ. 8 p. (8 respondkuponojn). Ankaŭ ĝi estas 2.ª eldono de la British Esp. Asocio.



«Himnaro Esperanta», 2.ª eldono reviziita kaj pligrandigita, estas tre kompleta kompilo el 212 himnoj kristanaj farita de Montagú C. Butller. Ĉi tiu verko estas tre rimarkinda kaj ĉiu entuziasma Esperantisto devas ĝin posedi. Ĝi estas 16 × 9 cm., 145 paĝa, en bona papero kaj zorge presista. Eldonita de British Esp. Asocio. Prezo: 1 ŝ. 7 p. (8 respondkuponojn).

Tip. Calle de San Lucas, 5.—Madrid